| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 16 | La Garenne-Colombes | Groupe Espérantiste | M. Chefd'homme | 1 | 4 |
| 17 | Le Havre | Groupe Espérantiste | M. Mammaux | 1 | 8 |
| | | » | M. Huet | 1 | 4 |
| 18 | Le Mans | Comité d'Etablissement R.N.U.R. | M. B. Michel | 1 | 20 |
| | | Maison des Jeunes et de la Culture | M. Cottereau | 1 | 16 |
| | | Groupe des Cheminots du Mans | M. Gross | 1 | 6 |
| | | Assoc. Parents d'Elèves Ecole Laïque | M. Surget | 1 | 6 |
| | | » » » | M. Turbellier | 1 | 10 |
| | | Union Espérantiste Sarthoise | Mlle Lhermitte | 1 | 12 |
| | | » » (correspondance) | M. Lebrun | 1 | 6 |
| 19 | Le Pré St-Gervais | Université Populaire | M. Michaud | 1 | 3 |
| 20 | Lyon | Société Lyonnaise d'Esperanto | M. Budimir | 1 | 7 |
| | | | Mlle Perra | 1 | 2 |
| | | » par Correspondance | Mlle Charlet | 2 | 6 |
| | | | Mlle Clavier | 2 | 11 |
| | | | Mme Jurquet | 1 | 16 |
| | | | Mme Couzineau | 1 | 6 |
| 21 | Marseille | Groupe Espérantiste Marseillais | M. Cadenel | 1 | 14 |
| 22 | Montélimar | Groupe Rodana Stelo | M. Llorens | 1 | 15 |
| 23 | Montpellier | Groupe Espérantiste | M. Lentaigne | 1 | 22 |
| 24 | Neussargues | Syndicat d'Initiative | M. Tatet | 1 | 7 |
| 25 | Nice | Association Polytechnique | Mme de Bernardi | 1 | 2 |
| 26 | Nyons | Cours d'Adultes au Lycée | M. Piallá | 1 | 4 |
| 27 | Paris | Association Philotechnique de Paris | M. J. Thierry | 1 | 11 |
| | | | M. J. Rousseau | 1 | 7 |
| | | | M. A. Texier | 2 | 10 |
| | | Comité Etude et Diffusion de l'Esperanto (St-Germain-en-Laye) | M. Lagrange | 1 | 5 |
| | | Association Espérantiste des P. et T. | M. P. Royer | 1 | 6 |
| 28 | Perpignan | Cours Publics Ecole Racine | M. Llech-Walter<br>Mlle A. Vidal | 3 | 30 |
| 29 | Reims | Foyer Saint-Exupéry | Mlle Pêche | 1 | 2 |
| 30 | Rochefort | Groupe Espérantiste | M. Babin | 2 | 28 |
| 31 | Rouen | C.F.T.C. | M. Quillaud | 2 | 10 |
| 32 | Ruelle | Université Populaire | M. Laurent | 1 | 4 |
| 33 | Saint-Avertin | La Municipalité | M. et Mme Aude | 1 | 12 |
| 34 | Saint-Etienne | Club Espérantiste de Saint-Etienne | M. Verot | 1 | 3 |
| 35 | Strasbourg | Groupe Espérantiste de Strasbourg | Dr Tortel | 1 | 15 |
| 36 | Thiers | La Municipalité | Mlle Constancias<br>M. Mayet | 2 | 10 |
| 37 | Toulouse | Société Toulousaine pour l'Esperanto | Dr Albault | 2 | 10 |
| 38 | Vallon Pont d'Arc | Groupe Espérantiste du Vivarais | M. Jayer | 2 | ? |
| 39 | Versailles | Cours Publics à l'Hôtel de Ville | Colonel Omont | ? | ? |
| 40 | Villeurbanne | Union Française des Aveugles Espérant. | M. Gonin | 1 | 4 |
| 41 | Vire | Cours d'Adultes au Lycée | M. Legret | 1 | 6 |
| 41 | | | | 71 | 510 |

**41 villes, 48 associations, 71 cours, 510 élèves**

**Statistique établie d'après les renseignements fournis par les professeurs à :**
**Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol.** Association Culturelle agréée par le Ministère de l'Education Nationale

## LES EXAMENS LANGUE ESPERANTO

Ont obtenu pour l'Académie d'Aix-Marseille :

1) *Une bourse de voyage :* Mme Troubat Marie-Louise, pour le Congrés International de Copenhague ; Mlles Destouche Jacqueline et Pruvot Florence, pour un stage à la Maison Culturelle d'Espéranto au Château de Grésillon (Maine-et-Loire) ; Mlles Garrigue Christiane et Destouche Jacqueline, pour le Forum de la 5e Conférence Internationale des Universités Populaires à Rome.

2) *Le Brevet de Capacité :* Mmes Danells Paule, Hortolan Yvonne ; Mlles Triolle Renée, Valériano Danielle, Villanova Julia.

3) *Le Certificat d'Etudes Supérieures :* Mlle Triolle Annie et M. Langlais Jean-Claude.

4) *Le Certificat d'Etudes élémentaires :* Mmes Armand Marcelle, Carlué Jeanne, Lambert Arlette, Martinez Solange, Regimbaud Olga, Troubat Marie-Louise ; Mlles Anglaret Marguerite, Bénazet Renée, Casini Michèle, Destouche Jacqueline, Fabre Nicole, Gerbez-Alègre Michèle, Gouin Arlette, Grand Antoinette, Panteri Andrée, Péris Marie-Madeleine, Poiré Gilliane, Pruvot Florence, Saint-Etienne Danielle, Signoret Ginette, Spinelli Alberte, Stec Janine ; MM. Carlué Maurice, Coulardeau Jean-André, Farjin Marcel, Galtier Emile, Martinez Jean, Mirlaye Bernard, Regimbaud Paul, Rieu Alain, Riussaraie Philippe, Tardif André, Troubat Eugène.

■

**GEEDZIĜO**

La 28-6-62 okazis en La Charité-sur-Loire la geedziĝon de F-ino Bérnadette Ridon kun S-ro Léon Bernard. Korajn gratulojn kaj bondezirojn.

**ANONCO**

**S-ro Risto Valakovski ul. 41 bis - br. 19 - Skopje (Jugoslavio) deziras interŝanĝi gramofondiskojn. Interesatoj sin turnu al ni.**

# - RECENZOJ -

## Hipokrato verkas en Esperanto

LERNOLIBRO DE OFTALMOLOGIO, de Seiiĉi Kato, Prof., d-ro, Direktoro de Kliniko de Shinshu Universitato ; 18 x 26 cm., 88 p., tole bindita ; eld. de Eldono Aoŝima, Tiba, 1959 ; prezo 1.40 usonaj dolaroj. (Eksportata ekskluzive de Japana Esperanto-Instituto, Hongo-Motomati I, Tokio).

Esperantolingva legolibro por medicinaj studentoj kun 29 figuroj.

NIA KORPO, de Seiho Nishi, D-ro, emerita profesoro de Tokio Universitato, eksrektoro de Gunma Universitato ; 15 x 21 cm., 106 p., broŝ. ; eld. de Gunma Esperanto-Societo, Maebaŝi, 1961 ; prezo 1.20 usonaj dolaroj. (Eksportata ekskluzive de Japana Esperanto-Instituto, Hongo-Motomati I, Tokio).

Facila lernolibro de anatomio kaj fiziologio de la homo por laikoj kun 34 figuroj.

En 1932, D-ro Briquet publikigis sian eminentan « Esperantan Teknikan Medicinan Vortaron », unu el la plej kompletaj tiamaj, kaj eble ĝisnunaj, fakaj vortaroj. Li tiel liveris abundan laboreblecon al niaj kuracistoj tra la tuta mondo. De kelkaj jaroj tiu vortaro estas plene elĉerpita kaj la novaj generacioj de Hipokratidoj iom hezitas verki pri medicino sen tia valora helpilo. Tial mi fondis en 1959 la Medicinan Terminologian Centron : ĝi frontas duoblan teorian taskon ; samtempe medicino rapide evoluis kaj Esperanto profunde riĉiĝis abrupte pasante en spaco de apenaŭ 30 jaroj de la stadio de ordinara popola lingvo al la stadio de plena kultura kaj literatura lingvo : kiel floro sub printempa suno ĝi disburĝonigis kaj dispetaligis montrante ĉiujn siajn kapablojn. Eble kun iom da impeto kaj malordo ? Sed al filozofa rigardanto la junecaj petoladoj estas nur signoj de freŝeco kaj sano, kiuj « promesas » por la venonteco, kiam saĝa disciplino scios kanalizi la vivofortojn.

La moderna medicina terminologio, kiu en ĉiu lingvo estas tiel nuancabunda, ja devas tiel same en la internacia esti altnivela kaj plene kapabla esprimi ĉiujn nuancojn de tiu scienco kaj arto — unu el la plej noblaj — kia estas medicino.

⁂

Nia bedaŭrata Prof. Canuto estis unu el la unuaj kompreni tiun staton kaj neceson kaj li ekentreprenis sur la bazo de la laboroj de Briquet modernigi kaj ĝisdatigi la medicinan nomenklaturon. Tiun taskon transprenis la Medicina Terminologia Centro, kiu arigis ĉirkaŭ si diversajn fakulojn kaj eminentulojn, kiel Prof. Nishi, japana anatomo. Kompreneble tiu laboro respeguliĝos en la venonta Plena Ilustrita Vortaro, sed ne multe utilus tiu laboro, se ĝi limiĝus al nura kompilado de vortoj : lingvo ne estas vortlisto, sed antaŭ ĉio tekstoj, kaj la plej multaj el la kunlaborantoj de la Medicina Terminologia Centro, imitante Prof. Canuto, kunlaboras en diversaj medicinaj revuoj por kontribui esperanto-resumojn.

Sed tio ankoraŭ ne sufiĉas, kaj krom Prof. Nishi, ankaŭ alia japano, Prof. S. Kato komprenis, ke necesas pliaj paŝoj : necesas medicinaj libroj tute en Esperanto.

⁂

Per « Nia Korpo », Prof. Nishi pligrandigas nian kolekton de popol-scienca literaturo. En iom pli ol 100 paĝoj li entreprenas doni al la nekuracisto, al la « laiko », ĝeneralan komprenon pri la homa korpo, ĝia strukturo kaj ĝia funkciado. En konciza kaj plene glata stilo li sisteme donas instruon pri ĉiuj grandaj aparatoj de tiu mirinda maŝino, kia estas nia korpo. Tiu libro estos legata : oni frandas legi popolsciencan medicinon.

Prof. Nishi sciis eviti — kaj tio ne estis facila en la elektita temo — la du ekstremajn rifojn, fatalaj en tiaj verkoj : aŭ tro simpla, tro vulgara kaj nepreciza terminaro, kiu sub pretekstо esti tuj komprenata de nefakuloj alportus nesufiĉan instruon, aŭ male tro scienca, tro faka esprimaro, kiu sub pretekstо instrui estus nur apenaŭ deĉifrebla.

La aŭtoro ja enkondukas la ĝustajn terminojn, sed li scias ilin klarigi por la leganto, eventuale per uzo de « popolaromaj » duoblaĵoj.

Ĉiu klera homo plezuros legi en Esperanto tian libron, kompreneble abunde ilustrita, kiu ĝisdatiĝos por li la konojn iam akiritajn sur la benkoj de la liceo. Aliporte, ni menciu, ke — ĝuste pro la nuna manko de medicinaj vortaroj — tiu libro estas grava ankaŭ por kuracistoj : ĝi liveras almenaŭ la bazan terminaron pri anatomio kaj fiziologio.

⁂

Tute alia estas la « Lernolibro de Oftalmologio », kiun Prof. Kato verkis okaze de la centjara datreveno de Zamenhof. Ne plu temas pris popolscienca literaturo. Temas vere pri faka libro : Ĝi turnas sin fakte al kuracistoj aŭ al medicinstudentoj, kiuj deziras iniciĝi en tiu iom aparta sed kompleksa branĉo de Medicino : Oftalmologio.

Nepre tiu lernolibro liveros al ili jam solidajn fundamentojn, kiuj permesos al ili almenaŭ orientiĝi. Post ĝenerala parto, kie ĉiu funkcio de la vidorgano estas pritraktita, sekvas speciala parto, kie la aŭtoro revuas la diversajn okulmalsanojn laŭ la diversaj konsistaj partoj de la okulo, studante sinsekve laŭ la kutimo : la anatomion, la simptomojn, la diagnozon kaj prognozon, kaj la terapion.

Jen do specialista verko kies eldonado postulis kuraĝon, sed mi aŭdacas esperi, ke ĉu pro scivolemo, ĉu pro propaganda celo, ĉu pro interhelpo aŭ iu ajn alia

---

**NEKROLOGO**

**Kolonelo BORCHET**

**La 13-an de marto mortis en La Baule pensiita kolonelo-intendanto Henri Borchet. Li lernis esperanton en 1951 kaj estis fidela esperantisto. Dum la ellaboro de la militista vortaro en 1953 li donis al la subskiribinto utilajn konsilojn.**

**Komandanto RIBILLARD**

**Mallonga anoncis ke en februaro mortis en Papete (Taitio), je la aĝo de 55 jaroj, pensiita komandanto Ribillard, delegito de U.E.A. Kavaleria oficiro, servinta en Sirio kaj en Norda Afriko, havinta brilan konduton dum la due mondmilito, Ribillard lernis esperanton post sia pensiiĝo en Nice, en la kurso de Georges Avril.**

**Spirito originala kaj instruita, kurioza pri movadoj kaj ideoj, li estis rimarkita kiel bonega stilisto en lia libro « Vagado sub palmoj ». En Nice, en 1957, dum kelkaj horoj mi pritraktis kun li la plej diversajn temojn en bela esperanto, kiun li posedis funde.**

**Li preparis novan verkon por la Stafeto, kiam la morto trafis lin malproksime de Franclando.**

**Al la familioj de la du samideanoj ni esprimas niajn sincerajn kondolencojn.** L. A.

**Louis LAMANT**

**Mortis Louis Lamant, honora bankdirektoro, honora prezidanto de Esperanto Grupo de Limoges (Francujo). Esperantisto de 1907 ; li aktive prezidis la grupon de la unua mondmilito ĝis 1930.**

motivo, tiu libro trovos apud inteligentaj homoj pli vastan subtenon ol lasuŝ supozi la faka temo pritraktita.

***

Ciuokaze estaŝ nedubeble, ke ambaŭ specoj de libroj ĝenerale, kaj tiuj ĉi aparte, havas sian funkcion kaj neceson en nia movado. Nur tiaj instruaj libroj povos konvinki tutan kategorion da homoj. Kaj ni povas gratuli ambaŭ aŭtorojn, esperante ke ili plu verkos kaj ke aliaj ilin imitos.

Ne estas hazardo, ke ambaŭ libroj estis verkitaj kaj eldonitaj en Japanujo : La Japanoj pli akute ol ni sentas la lingvoproblemon kaj la kuracista Japana Esperanto-movado jam havas tradicion kaj profundajn radikojn. Plian pruvon — se necesus — mi ricevis antaŭ nelonge : Prof. Suzuki, la redaktoro de Medicina Revuo, verkis eminentan « Lernolibron de Fiziologio » tute en japana lingvo : ĉiu teknika vorto estas glosita per tradukoj al tri lingvoj : angla, germana kaj esperanta.

D-ro A. ALBAULT.

---

ALARMO-KRIO

En broŝureto 12-paĝa, konciza kaj densa, en kiu ĉiu alineo estas kvazaŭ resumo de tuta libro, Georges Garcia elkrias angoran alarmon ! (1).

La dividitaj kaj ne organizitaj homoj konkeris grandan teknikan forton, sed ilia intelekto malfruas : ili ne plu kapablas regi la kreitan forton, ili ne scias antaŭvidi, antaŭkalkuli la konsekvencojn de la diversaj aplikoj de tiu multobla teknika forto : en la naturo, en la sano, en la socia vivo... Kaj la konsekvencoj riskas esti pereigaj, kiel nun oni komencas kompreni : nia planedo riskas ne plu esti vivebla kaj loĝebla biologie kaj sociologie...

Kiel unua paŝo al estonta rego de la situacio kaj de nia vivo men ja ege minacata, Garcia proponas urĝecan *kvarpunktan* solvon :

1) Disvolvi universalan konsciencon bazitan sur la racio.
2) Doni plenan apogon al la scienco.
3) Establi Mondan Registaron.
4) Adopti Tutmondan Lingvon.

Jean Rostand jam aprobis tiujn proponojn : « La kvar punktoj ne entenas unu linion, kiu ne esprimus pravan timon aŭ ne formulus pravan deziron ».

Tiu programo havas nian tutan simpation : ni specialistoj de la kvara punkto ja scias ke ĝuste pro manko de juĝo kaj prudento ĉe niaj samtempanoj, ni devas tiom peni por disvastigi nian lingvon. Kiel specialistoj de la kvara punkto ni ankaŭ volaŝ meriti la konfidon de aliaj specialistoj kaj ĝuste el tiu vidpunkto tiu broŝuro povas multon instrui al ni kaj doni al ni pli ĝustan perspektivon de la nuna situacio en nia nuna mondo : ja en ĝi kia ĝi estas ni devas progresi por nia lingvo serve al la tuta mondo kaj laŭ la klarvidaj pensoj de Zamenhof.

Tamen roka rifo atendas tian planon : La sama jam denuncita de Garcia : la manko de saĝo de la homoj — mi ne diras de la homaro, kiu ja nur teorie ekzistas, sed ne konkrete, ne organizite... Ekzemple, kiam la plano estos aplikata, la dua punkto riskas esti la bazo de nova religio : la sciencismo. Dume, saĝo ordonas konsideri sciencon nur je ties ĝusta valoro : scienco estas nur evoluanta klarigo de la fenomenoj ; ĝi konstante evoluas kaj neniam estaŝ finita ; sekve ankoraŭ ofte intuicio necesas por plenigi la breĉojn, kiujn scienco ankoraŭ ne kapablas ŝtopi...

Se iam oni povus krei Mondregistaron, mi volonte vidus ĉe ĝia kapo, inter diverstipaj asembleoj de deputitoj kaj de teknikistoj, ankaŭ mondan aeropagon de saĝuloj elektitaj pro ilia granda saĝo, pro ilia alta moralo kaj pro ilia plena dediĉo al la homa familio.

D-ro Andreo ALBAULT.

---

(1) Georges Garcia. Quatre Points vers la Vie et la Beauté. Eldonaĵo de la aŭtoro (31, rue Letort, Paris-18e). 10 p. 20,5 x 13. Prezo ne montrita.

# PRO UNU BOVINO

*— 270 paĝa broŝurita volumo fremdlingva eldonejo — Hanojo — Vjenamio — havebla ĉe U.E.A.*

Kiel precizita de la subtitolo, tiu ĉi libro konsistas el aro da 19 « elektitaj rakontoj pri la militrezistado en Vjetnamio. De tio oni konkludas : unue, ke ĉiuj rakontoj temas pri milito, tial ilia kunesto riskas unutonecan rezulton ; due, ke la enhavo povas esti iom malagrabla por la franca leganto.

Ni memoru ke en tiu-ci lukto, por la vjetnamoj, la franco estis la malamiko.

Milito estas neniam bona, ĝi ĉiam tiras kun si longan sekvadon da malagrablaĵoj, malpermesoj, suferoj, nutromankoj, kruelaĵoj, teruraĵoj, kiuj premas samtempe la spiriton kaj la korpon. Sed, dum klasika milito ekzistas militfronto, pli malpli difinita. Tiuj kiuj batalas estas la soldatoj. Malantaŭ la fronto, la soldatoj kaj la civiluloj anas la saman popolon. Tia milito obeas, pli malpli al tradiciaj reguloj.

Luktoj kiuj prenas formon de interna ribelo, neeviteble forgesas ĉiajn regulojn, ili fariĝas pli akraj kaj pli senkompataj ol la aliaj : ĉu familia malamo ne estas la plej senmiksa ?

Tia fariĝis en la 1871a Francujo la komuma ribelo kiu vidis Francoj buĉi aliajn Francojn.

La kvina de tiu libreto rakonto titolita « striko » nepre pensigas al la francaj strikoj de la deknaŭa jarcentfino : tiuj strikoj okazigis ankaŭ hommortigojn kaj murdojn. En alia rakonto la vietnamoj plendas ĉar, en la malsekuraj regionoj, la Francoj bruligis la rikoltojn por elĉerpigi la vivrimedojn de la ribeluloj : la civiluloj samtempe kunsuferis.

Tiu libreto montras kiel diversa estis la milito en Vjetnamio :

— de la komenco (rakontoj 7a k. 8a), kiam, ankoraŭ ne armitaj, la Vjetnamoj individue sin ĵetis kun « Molotovkokteloj » aŭ bomboj kontraŭ la malamikojn aŭ kirasĉarojn, aŭ por faligi la malamikajn soldatojn, ruse fosis en tero truegojn infektitajn de venenpikiloj ; Ankaŭ tiam ili luktis per venensagoj, kiel dirite en la rakonto 8a : « Monto de l'Banar — gerilanoj ».

— Ĝis la fino, kiam bone ekipitaj kaj organizitaj, eblis al ili komenci kaj gajni verajn batalojn (17a) : « la breĉo de Him-lam », kaj ankoraŭ (18a) « Antaŭ batalhoro ». Tiu lasta sukcesas impresigi la leganton ĝis tia grado, ke li vidas kaj aŭdas ĉiujn detalojn de la batalpreparado.

Kelkaj el tiuj rakontoj ne estas tre honorindaj por ni, Francoj : Tiel estas la 12a : « Pro unu bovino », kiu rakontas rabadon, kaj cetere titoliĝas la libreton, aŭ la 4a : « La unuaj tagoj de nia batalo », kiu priskribas okazaĵon vere hontindan, kapablante hirtigi la harojn de ĉiu normala homo.

Kelkaj, bedaŭrinde maloftaj el tiuj noveloj, deflankiĝas iomete de ĉiam ĉeestanta temo la milito, kaj montras emon al delikataj sentoj, kiel la tre bela « kanteto », aŭ la ne tielgrade perfektaj, ĉu « Reveno al Dong Trieu », ĉu « la unua amo ». Anekdote, de unu alia oni lernas, ke elefantoj povas esti kruelaj bestoj, de ankoraŭ alia, ke vjetnamia soldato povas perfekte taŭgi kiel akuŝisto !

Ĉiuj rakontoj ne estas samnivelaj kaj kelkaj el ili estas bedaŭrinde preskaŭ neinteresaj.

Fakte, ni multe pli ĝuis la ĉinan novelaron « Por nova afero nova maniero », kies enhavo estas multe pli diversa kaj humorplena, kaj ankaŭ atestas pli grandan maturecon.

Nun, interesos nin ricevi libron el postmilita Vjetnamio, priskribantan la simplajn taglaborojn kaj la adaptadon al la novaj enladaj vivkondiĉoj. Ekcitus nin ekscii, kiel la Vjetnamoj sentas sin en sia tutnova sendependa haŭto.

Sed, se eble, en bona Esperanto !

Ĉar ni ankoraŭ ne parolis pri la miriga lingvo uzita por verki « Pro unu bovino ». Estas strange konstati ĝis kia grado vjetnamoj kiuj abomenas ĉion franca, ne vole submetiĝas al la franclingva influo.

En tiu rilato, la rezulto estas ege malbona por esperanto : preskaŭ ĉiuj verbo-tempoj kaj modoj estas malĝustaj : Ni citu nur kelkaj ekzemploj el la plej « elstaraj ».

P. 65 « ŝi nepre suspektis ke ni est*is* de la popolarmeo »... se vere ili est*is*, ili ne plus est*as* kaj ŝia suspekto estis malĝusta. — P. 66 : « vi diru al mia panjo ke ŝi alport*as* al mi manĝajon » ... se ŝi jam alportas (anstataŭ alportu), neniel utilas diri tion al ŝi. — P. 112 : « Vien etendis (prezentis) al mi la kaskon kuu disfrakasita supro. Mi ektremis. Sufiĉ*is* ke la kuglo penetru iomete pli malsupre ». Se sufiĉis (anstataŭ sufiĉus), li jam mortis pro tiu kuglo.

Ni notis ankaŭ multajn ne elegantajn formojn, kiel : « mi diris al mi » anstataŭ mi pensis, kiel « la malamikoj estas venintaj » anstataŭ la malamikoj venis.

Jen nun amuzaj eraroj kies kaŭzo estas maloportuna scio de la franca lingvo...

Se p. 18) « la frato kiu dormis *krispigita* apud mi », ne konkludu ke li ĵus vizitis la friziston sed ke « crispé » estas malfidinda franca vorto. Se (p. 47) « iu individuo estas vestita de ĉemizo », ne pensu ke vjetnamaj ĉemizoj estas pli agemaj ol la francaj, sed nur ke franclingve oni diras elegante « un individu vêtu d'une chemise ».

Fine, ni citos kelkajn malĝustajn negaciojn venantaj de malbona scio de la franca lingvo, kiu dirigas al la aŭtoroj ĝuste la kontraŭon de tio, kion ili intencis diri.

P. 27 : « Mi ne kuraĝis plori, timante, ke panjo ne sciu mian stultaĵon » (craignant que ma mère n'apprenne... : ŝajna negacio).

P. 72 : « Li ne kuraĝis meti ĝin surtere pro timo ke ĝi *ne* malsekiĝu » (qu'il ne se mouille : ŝajna negacio).

P. 182 : « Ni jam renkontiĝis ; devis esti, ke de nun mia karulino *neniam* estu perdita el miaj okuloj » (fut à jamais perdue de vue pour moi : à jamais = pour toujours ; la franca lingvo estas vere malfacila kiu diras samsignife « envers lui » kaj « à son endroit »).

P. 198 : « La akvo penetris en siajn naztruojn, sed ŝi ne kuraĝis elsprucigi ĝin, timante ke *ne* skuiĝis (skuiĝos) la folioj, kiuj kamuflis ŝin » (craignant que les feuilles ne se secouent : ŝajna negacio).

P. 202 : « Precipe mi timis ke mi *ne* forgesus eltiri la sekurigan stifton ankaŭ ol ĵeti la grenadon (je craignais surtout de n'oublier de retirer la goupille de sécurité... = je craignais surtout d'oublier de retirer....).

Franca lingvo estas stranga lingvo, ĉu ne ?

J. MANCEAU.

Pied-Noto. — *Depost la tempo kiam mi legis tiun libreton, mi havis okazon legi la Vjetnamia Esperanta gazeto Vjetnamio Antaŭenmarŝas, kaj libreto pri vjetnamoj fabeloj : Monto de l'virino. Mi devas konfesi ke mi tre miris kaj ĝojis, ĉar ili estas redaktitaj en tre bona Esperanto.*

## RABINDRANATH TAGORE EN ESPERANTO

Fabelo kaj realo intimas en la kelkaj rakontoj de Rabindranath Tagore ĵus eldonitaj en nia lingvo. (1) La realo : bildo de Hindujo - pli precize de Bengalujo - en la fino de la lasta jarcento, sub angla regado. Jen la reĝetoj, nababoj, bramanoj, grandbienuloj, la fremdaj « sahiboj », la amaso de la modesta popolo : lutenantaj kamparanoj, paŝtistoj, fiŝkaptistoj, vagantaj aktoroj, kaj la kreskanta intelektula klaso, kiu studas, naskas advokatojn kaj batalantojn por sendependeco. Jen la naturo floranta dum la pluvsezono, la riverfluo, kiu « kiel lerta dancistino moviĝas sinturnante ie kaj tie sur ŝtonoplena vojo », la ludo de suno kaj nubo, kaj la sono de fluto anoncanta la edziniĝan feston de dekdujara knabino...

La fabelo : mikso de realo kaj sonĝo. En **Malsata Ŝtono** (la unua rakonto, kiu donis la titolon al la libro), malnova marmora kastelo sorĉas kaj englutas la enloĝantojn, ĉar « iam en tiu kastelo moviĝis multege da nesatigita deziro amora kaj flamo de pasio kaj (...) ĉiu ŝtonpeco de la kastelo fariĝis malsata kaj ankaŭ soifa ». En **La Skeleto,** ombro de virino aperas inkube al studento, por retrovi sian koron en la skeleto, kiu nun estas uzata por studado : ŝi estis, dum ŝi vivis, belega virino kaj havis tragikan destinon pro nesatigita amo. En **Malespero,** Princino-Mahometanino enamiĝas je soldato-bramano kaj vagade serĉas lin dum tridek jaroj. Eble en la titolo kuŝas la ŝlosilo de la novelaro : estas en la mondo granda malsato je amo. Tiu malsato turmentas Kabuliwala'n, kiu dum jaroj ne vidis sian filineton, same kiel la heroinojn de **La Gasto** kaj **Nubo kaj Suno.** En tiuj du rakontoj, la aŭtoro subtile kaj imprese priskribas la animon de virino, aperanta jam en juna knabino. La heroo de **La Gasto** « estis kvazaŭ feliĉa ondo de moviĝanta mondo senlima, li kvazaŭ ne havas rilaton al pasinteco kaj estonteco, lia vivago konsistas el movomoviĝo antaŭen ». Li dum du jaroj restas en la sama loko, kaptita de studemo kaj de la knabino Ĉarusasi, sed li ne povas rezisti sian naturon kaj malaperas ĵus antaŭ sia edziĝa festo, « al sia sendezira, senlima universpatrino ».

**Nubo kaj Suno** estas « malgranda vivodramo », en kiu alternas ĝojo kaj sufero. Ĝi estas la plej longa, kaj ankaŭ la plej riĉa rakonto : tuta romano en kelkaj paĝoj. La historio de Sasivusan kaj Giribala interplektiĝas kun socia dramo. La aŭtoro rakontas tiun ofte amaran historion kun humura rideto, eĉ kiam temas pri la plej akraj sociaj maljustaĵoj. Lia saĝo estas ja ne nur hinda, sed homa — kaj eterna :

« Malliberejo estas bona loko ! La fera ĉeno ne mensogas kaj la libereco, kiun ni alie ĝuas ekster la malliberejo, nur trompas nin kaj kondukas nian vivon al danĝero. La akompano de bonaj homoj estas ja necesa por teni agrable la vivon, sed la nombro de malbonaj homoj estas multe pli granda ekster la malliberejo ol en ĝi ».

Se tiu novelo finiĝas optimiste, tio estas ĉar la sorto de homoj similas al la ludo de nubo kaj suno...

Legante ĉi tiujn rakontojn, oni ĝuas ne facile difineblan senton, kiu preteras kaj la intereson al la realismaj priskriboj kaj la sorĉon de l'ekzotikeco kaj de la fabela elemento .Tiu sento estas samtempe korŝira kaj pasiga. Ĝi estas la poezio, kiu ĉeestas sur ĉiu paĝo de tiu proza libro. Ĝi estas la profunda homa liriko de la « Granda Instruisto », por kiu la vivo signifas unuiĝon kun la Universo.

La prezento de la libro — bela papero, ilustraĵoj — indas la verkon de Tagore kaj la tradukon de Sinha. Enkonduko de la tradukinto alportas al la

leganto la necesajn elementojn por konatiĝi, almenaŭ supraje, kun la vivo kaj verko de la aŭtoro giganto de la literaturo kaj de la penso, ankaŭ vera universalisto : Leono Tolstoj. Ĉu ni kuraĝu esperi, ke oni faros por li lokon en la planita serio «Oriento-Okcidento », tiel bone inaŭgurita ?

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) **Maisata Ŝtono.** — Kolekto de rakontoj de Rabindranath Tagore. Tradukis el la bengala lingvo Lakshmiswar Sinha. Ilustrajoj de Sukhamoy Mtra. Serio Oriento-Okcidento No 1, sub aŭspicioj de U.E.A. Eldona Societo Esperanto Malmö 1961, 128 p. Prezo : broŝ. 12 NF bind. 16 NF.

## JUNAĜA VERKARO

*de Edmond PRIVAT*
*Antaŭparolo de Julio Baghy*
*Stafeto, Beletraj kajeroj,* (*n-ro* 5)
142 *paĝoj* — 22 x 19 cm.
*Havebla ĉe U.E.F., Parizo.* — 6 NF.

Edmond Privat okupas eminentan lokon en la movado de Esperanto. Lia vivo estas imitinda modelo por ĉiuj esperantistoj, ĉar li senlace, kuraĝe, kun granda fido kaj entuziasmo batalis dum sesdek jaroj por la triomfo de nia afero. Jam de la komenco de la jarcento li lernis Esperanton. En 1903 (li tiam estis dek-kvar-jara), li fondis kun Hodler la gazeton « Juna Esperantisto ». En 1905 li partoprenis la unuan U.K. en Bulonjo ĉe Maro, kaj de tiu tempo li neniam forlasis la pacan batalkampon, sin dediĉante al la divastigo de nia lingvo. Lia vasta instruiteco, la diversaj altaj postenoj, kiujn li okupis en sia meritplena vivo permesis al li atingi universalan kaj ofte eminentan publikon. Aparte menciinda estas lia agado apud diversaj instancoj aŭ fakaj organizoj : Ligo de Nacioj, Internacia Laboroficejo, Universala Telegrafa Unuiĝo, ktp... Super la organiza esperantista kampo li trafe laboris laŭ sistemaj kaj logikaj metodoj. Li estis redaktoro de « Esperanto » dum dek-kvin jaroj. Elstara oratoro li maldomaĝis sian riĉan talenton en multaj rondoj, profite al Esperanto. Nia internacia movado ŝuldas multe al Edmond Privat.

La originalaj verkoj en Esperanto de E.P. estas multaj kaj diversaj. Pluraj el ili devus stari en la libroŝranko de ĉiu esperantisto : Historio de Esperanto, Vivo de Zamenhof... en kies legado oni trovas fidon, flamon, aligitecon al nia Majstro kaj ankaŭ emocian « internan ideon ».

« Stafeto », kun sia kutima bela maniero prezentas en sia serio « Beletraj Kajeroj », sub titolo « Junaĝa Verkaro », aron da poemoj, prozaĵoj verkitaj plejparte antaŭ la unua mondmilito. En la libro estas ankaŭ « Ginevra kaj Lanceloto » lirika teatraĵo ludita en teatro dum la U.K en 1913 kaj 1925. La simpatia eldonisto J. Regulo per tiu ĉi libro permesas al la esperantistaro retrovi trezorojn ne plu ekzistantajn en la librovendejoj. Oni rimarkos, kiel E.P. modeligis sian stilon kaj siajn versojn al tiuj de la aŭtoro de la lingvo. Li plene penetriĝis de la Zamenhofa eleganteco : je tiu vidpunkto lia verkaro estas klasika laŭ la signifo donita de J. Baghy al tiu vorto en la antaŭparolo de « Junaĝa Verkaro » : « Parolante pri klasikeco de la stilo en la verkoj de Edmond Privat, mi aludas pri tiu kristalklara esprimmaniero, kiu karakterizas la Zamenhofan lingvouzon, pri tiu respekto al la lingva spirito, kiu formas la proprecan lingvan evoluon de Esperanto... ».

Mi deziras al tiu libro la meritatan sukcesegon.

R. LÉGER.

Tibor Sekelj : *NEPALO MALFERMAS LA PORDON.* — Postparolo ((leksikologia komentario) de J. Régulo Pérez. — Kovrilo de John Hartley. — 8 eksterteksta] tabuloj kun 12 koloraj bildoj + 38 entekstaj bildoj. — STAFETO : Popularscienca Eldonserio Nro 2. — J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Tenerifo, Kanariaj Insuloj (Presis : Joze Moskric, Ljubljana), 1959. — 23,5 x 15,8 cm. — 232 (216 + 16) paĝoj. — Prezo 3.00 usonaj doloraj aŭ egalvaloro.

Jen vojaĝaj notoj, kiujn povus enkonduki la ferakonta formulo : « Iam estis... », ĉar fakte **iam estis** unu landeto mistera.

Tia ĝi estis pro sia malfacile alirebla pozicio, kaŝita de la himalajaj ĉenoj kvazaŭ nesto en densa branĉaro, sed ankaŭ pro politikaj celoj de reganta familio, kiu longatempe malpermesis la eniron al fremduloj.

Tia ĝi restis almenaŭ ĝis 1950, kiam sub la premo de diversaj kaŭzoj el la lastmilita mondoskuo rompiĝis la pordo... tamen ankoraŭ ne tute, kiel atestas la paperecaj obstakloj venkitaj de la aŭtoro.

> Post skriba rekomendo de la Edukministro, kaj vizito al la Ministro de Eksteraj Rilatoj en akompano de la persona sekretario de la dua frato de la reĝo kaj kun lia persona rekomendo, fine post du semajnoj mi ricevis tian permeson, kun strikta indiko de la lokoj vizitotaj kaj kun dusemajna limdato.

×

Nu ĉi tiu lando, malvasta pro siaj dimensioj, sed grava el kultura vidpunkto, estas unu el la sanktaj fontoj de la azia vivmaniero, nome ĝi estas la naskiĝlando de Buddo. La esploristo prezentas ĝin al nia scivolemo kun luksa abundo de koloraj kaj nigraj bildoj.

Landoprezentoj mi kutime ne tre ŝatas, ĉar ili tro ofte parenciĝas nuntempe kun turismaj aŭ alispecaj libroj, kiuj trumpete propagandas pri mirindaj videjoj aŭ progresaj mirindajoj !

Sed la aŭtoro de ĉi tiu originalaĵo havas vere tre plaĉan talenton por konduki sian leganton tra la lando. Neniel la priskribo elspiras la sekan tonon de ordinara gvidisto : « rigardu dekstren... rigardu maldekstren... k.t.p. » Male, kaj kune kun li, oni ŝajne piediras kaj malkovras mem la vizitindaĵojn, spertas la neatenditajn malfacilaĵojn, fariĝas la konfidenculo, tiel amikeca estas la konversacia tono. Tiel oni do viziztas kun akompananto, kiu komunikas siajn impresojn, oni konatiĝas iom post iom ne nur kun la lokoj sed ankaŭ kun la enloĝantoj, kaj kun tiuj ĉi oni iniciĝas pri iliaj moroj, legendoj, festoj kaj problemoj. Tibor Sekelj estis filma dramaturgo, kaj la ĉefajn historiajn eventojn de la lando li montras sub niaj okuloj kvazaŭ sur ekrano.

×

Per ĉi tiu Verko de la popular-scienca eldonserio Stafeto alportas valoran kontribuaĵon al la Granda Projekto de Unesko pri reciproka kompreniĝo inter Oriento kaj Okcidento ; kaj estus interese havi kompletigon de la serio per pluraj tiaj libroj pri la plej malmulte konataj landoj de Azio, Afriko kaj Sud-Ameriko : verkoj **laŭble** verkitaj de tiea enloĝanto mem kaj laŭ simila plano.

Ĉe la fino J. Régulo-Pérez aldonis unu postparolon pri **leksikologia komento,** kiu kaŭzis la publikan deklaron legeblan ĉi-sube. Estu permesite al mi diri, ke la prialudita nekoincido de la proproj nomoj tute ne ĝenis min : ĉiu ja scias, ke la demando pri la propraj nomoj bezonas maturiĝan tempon por solviĝi, kaj ĝis la definitiva solvo decidos, ĉia bone pristudita propono estas bonvena por akseli la maturiĝon.

J. T.

### DEKLARO PRI « NEPALO »

En la libro **Nepalo malfermas la pordon,** de Tibor Sekelj, eldonita de STAFETO, aperis postparolo kaj geografia mapo, en kiuj kelkaj landnomoj kaj aliaj geografiaj nomoj ne koincidas kun tiuj donitaj en la teksto de la libro. — Tia nekonsekvenco okazis, ĉar la eldonisto kaj la prizorganto de la preso de la libro — pro teknikaj kialoj — ne submetis al la kontrolo de la aŭtoro la post-parolon kaj la mapon, en kiuj ili allasis siajn personajn opiniojn.

Pere de tiu ĉi publika deklaro la eldonisto petas senkulpigon kaj esperas, en iu venonta eldono, konsekvence ĝustigi la tuton.

---

**« Moderna Martiro : Pastro Maksimiliano Kolbe »** de Sinjorino A. Buckinx Luyk. Tradukita el la Nederlanda lingvo de Frato Leontado de Ruyver. Eldonita de « Fratoj de l'karitato ». Inst. S. Kamilo, Bierbeck (Belgio). Prezo ... ?

Tiu verko priskribas la vivon de Pastro Maksimiliano Kolbe, pola sacerdoto, kiu sin plene dediĉis al Maria, la senmakula. Malgraŭ multaj malfacilaĵoj kaj la manko de kapitalo li sukcesis fondi gravan religian movadon : « la Kavaliroj de la Senmakula Virgulino » kiu nun kalkulas pli ol du milionoj da membroj en la mondo.

Pastro Koble mortis tiel heroe kiel li vivis. Dum la lasta milito en la koncetrejo de Aŭschwitz, li menvole anstataŭis mortkondamnitan en betona karcero, kie enterigita vivanta, li iom post iom mortis pro malsato kaj soifo.

Tiu ĉi bone verkita broŝuro estis skribita okaze de la proceso por la beat proklamo de Pastro Kolbe.

---

**« Malsupra Silezio Hieraŭ kaj Hodiaŭ »** Eldonita de « Ossolineum », Wroclaw (Pollando).

Malsupra Silezio estas la lando kiu etendiĝas ĉe la nordo de Karpatoj kaj de Bohema Montaro. Ĝia ĉefa urbo estas Wroclaw (germane : Breslau). Ĉi tiu libreto rakontas la historion de tiu provinco, kiu dum pluraj jarcentoj dependis de la Prusa kaj poste germana regno. Ĝia popolo, origine Pola, ĉiam malkonsentis la germanan naciecon kaj ofte ribelis kontraŭ siaj regantoj. Tuj post la dua mondunilito Germanujo devis restitui tiun landon al okcidentajn landlimojn de Pollando.

Fakte, la celo de tiu libro estas ĝuste atesti la polecon de tiu provinco kaj pravigi la novajn sudokcidentajn landlinojn de Pollando.

Ĝia historia parto estas la plej interesa.

### PRAHA - GVIDLIBRO

Tre interesa gvidlibro pri la ĉefurbo de la ĉekoslovaka Respubliko jus aperis.

Multaj fotografaĵoj kaj artaj dukoloraj desegnaĵoj montras la vidindaĵojn de tiu romantika urbo.

La teksto skrizas kun multaj anekdotoj la historion de la malnova Prago kaj ties nuna evoluo.

Tiu libreto, bone prezentita, solide bindita estas nepre necesa al la esperantistaj turistoj kiuj deziras konatiĝi kun la gotikaj aŭ barokoj monumentoj de Prago, ĝiaj reĝaj palacoj kaj ĝiaj multaj kuriozaĵoj.

Gvidlibro ĉiam grave utilas por nia afero ĉar ĝi elmontras klare ke nia lingvo estas pro funde enirinta en la praktikan kampon.

——o——

« OTELO », tragedio de Ŝekspir. Belliteratura eldonserio (Stafeto).

Antaŭ dek jaroj Sinjoro Reto Rossetti, kiun oni ne plu bezonas prezenti al la esperanta publiko, tradukis « Othello » unu el la ĉeftragedio de Ŝekspir.

Li prezentis ĝin en la Skota Kongreso en 1951. Tiam li ludis la rolon de Jago, William Auld la rolon de Otelo kaj sinjorino Rossetti tiun de Desdemona.

Tiu prezento trafis grandan sukceson, tial Sro Reto Rossetti lastan jaron publikigis tiun verkon en la ĉiam ŝatata « Belliteratura eldonserio » (Stafeto).

Ni mallonge rememorigu la kernon de tiu dramo.

Otelo, la Maŭro (do, nigrhaŭtulo) estas generalo de la Venecia Respubliko. Li jus edziniĝis kun la blanka kaj virta Desdemona, kiu pasie lin amas.

Unu el lia eksoficiro. Jago, kiu ne ricevis de la esperitan oficon sen indulge ekmalamas lin.

Por sin venĝi, Jago, iom post iom, semas en la kredeman menson de Otelo suspektojn pri la malĉasteco de Desdemona kaj fine li sukcesas per la plej malnoblaj intrigoj, alporti pruvon de ŝia malfideleco. Tiam, Otelo mortigas sian edzinon. Poste li ekscias, ke ĉiuj akuzoj de Jago estas senbazaj sed estas tro malfrue, restas por Otelo nur sin mortigi.

Fakte la ĉefa rolulo de tiu ĉi tragedio estas nek Otelo, kies energia sed tro kredema animo estas tre facile trompita, nek Desdemona kies koro restas pura inter tiuj ĉi intrigoj, sed ĝi estas tiu de Jago, monstro de malico, de trompemo kaj de hipokriteco. Li ludas tiel perfekte la rolon de honestulo, ke li trompas ĉiun pri sia efektiva naturo. Li estas la animo de ĉiuj intrigoj ne nur kontraŭ Otelo sed ankaŭ kontraŭ Kassio, oficino kiu prenis sian oficon, kaj eĉ kontraŭ sia amiko Roderigo kun li daŭre ŝteltrompas. La akrevista sagaco de lia intelekto, la maltimo de lia imago, lia profunda kono pri la homoj, la harditeco de liaj sentoj donas al li superhoman potencan kaj liaj makiavilaj aranĝoj finiĝas en la sangon.

Tiu tragedio havas tre puran formon, ĝi ne entenas la kutimajn artifikojn uzitajn de Ŝekspir : burlesko, frenezo aŭ supernaturo. La agado kuras rapide sen longaĵoj kaj sen haltoj.

Otelo fariĝis tre populara tuj ĉe la unuaj prezentoj en 1604 sed iom post iom sub la influo de puritaj ideoj ŝokitaj de kelkaj erotikaj elementoj kaj subla influo ankaŭ de antaŭ juĝoj pri la rasproblemo, ĝi perdis la favoron de la publiko ĉefe de la angla. Sed nuntempe tiu tragedio ree venis en modon ĉar tiaj rigoraj principoj kaj tiaj maljustaj antaŭjuĝoj forpasis.

Tial ni danku sinjoron Reto Rossetti kiu tiel bone tradukis ĝin por ni kaj sinjoron J. Regulo kiu eldonis ĝin.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,45 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,70 |
| L'Espéranto en douze leçons (Pierre Delaire) | 13,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 11,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 6,00 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 2,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 30,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Scienca kaj teknika terminaro | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,40 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 20,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,50 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 4,50 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 15,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 3,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvildlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 10,00 |
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** | 10,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris Xe. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER

Le Gérant : J. GUILLAUME.